La LAMPIRO

43a jaro n-ro 104 aŭgusto-novembro 2002

Oficiala Organo de
Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo, senpaga por membroj de EASP kaj asocioj enlandaj kaj eksterlandaj

**redaktoro**
José Roberto Tenório

**grafika aranĝo kaj enpaĝigo**
Cristovão Rocha Sousa

**kunlaboris en ĉi tiu numero**
Daniel Peliz, Luko, Adonis Saliba, Paulo R. Santos, Manoel Borges dos Santos, José Dias Pinto, Yeda Patrizi, José Roiz, Amauri Batista, Symilde Schenk Ledon

**Reviziantoj**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**redaktejo:**
Rua Davidson de Sá Ramalho, 18-A
08021-370 São Paulo-SP Brazilo
**retpoŝto:** lampiro@ig.com.br

brazila abontarifo por 2002: R$ 10,00

La redakcio ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj

---

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
fondita en 29/03/1937

**Sidejo**
Rua Faustolo, 124 - 05041-000
São Paulo - SP
**Telefono-fakso** (0xx11) 3862-1183
**retpoŝto** easp@osite.com.br



**Membro-kategorioj** ( monate)

| | |
|---|---|
| Kat. 1 (Simpla membro) | R$ 8,00 |
| Kat. 2 (Kunlaboranta Membro) | R$ 10,00 |
| Kat. 3 (Helpanta Membro) | R$ 15,00 |
| Kat. 4 (Subtenanta Membro) | R$ 20,00 |

| | |
|---|---|
| Jara antaŭpago: | 15% rabate |
| Sesmonata antaŭpago: | 10% rabate |

**Deĵorado**: de lundo ĝis sabato, de la 15-a ĝis la 19-a horo.

# Enhavo



## Kovrilo

Reĝa Nimfeo (Vitória-Régia) - akva plantospeco tipa de Amazono en Brazilo.

# La novaĵoj pluas




La avantaĝo redakti kvarmonatan revuon estas tio, ke oni havas pli da tempo por kolekti materialon kaj ĝin redakti kiel eble plej leginde. Kvar monatoj ŝajnis ankaŭ al ni taŭga tempo por ke tiuj 120 E-organizaĵoj, al kiuj ni sendis leteron invitantan ilin raporti pri siaj sukcesaj atingoj, pozitive reagu al ĝi. Venis nur unu reago tamen (p 4); la alia raporto (p 6) estis ja la motoro de la dissendita invitletero "Kiel aŭdace diskonigi Esperanton". Estiĝis ĉe la redakcio de LL tiu impreso, ke interesaj (funkciantaj) projektoj, kiel tiu starigita la pasintan jaron de s-ro Marcos Pimenta en São José dos Campos, SP - Brazilo, nome "Esperantista Budo" (***http://esperantosjc.vila.bol.com.br***), nuntempe apenaŭ movas la radojn de Esperantio.

LL estas dissendata al ĉ. 140 E-grupoj kaj Asocioj enlandaj kaj eksterlandaj. Ĉu ĝi ne estas taŭga interŝanĝilo de sukcesintaj spertoj movadaj? Se vi aŭ via grupo sukcese aplikas E-on kiel varbilon, ekuzu VIAn rubrikon "Kiel aŭdace diskonigi E-on".

Cele kunfandi la esprimivon kaj simplecon de nia lingvo al tiu miljare populara japana poemoformo *hajko*, LL starigas rubrikon "Hajko kaj Ni". Multaj novaĵoj ĉi-teme survojas. Atendu!

Nia Lampiro daŭre estas memorigata per poemeto (p 16) ĝentile sendita de nia estimata poeto Manoel Borges. Siaflanke, ĝi denove alportas al la lumo novan talentulon (p 9).

Laste, la redaktoro pardonpetas pro manko de adekvata revizio pasintnumere, kaj bonvenigas la alvenon de pliaj kunlaborantoj al la skipo de LL, nome s-roj José Dias Pinto kaj Eurico Ribeiro, kiu bonvoleme prenas sur sin tiun taskon revizian.

Ĝuindan legadon kaj ĝis decembro!

---

## Novaĵoj el nia leterkesto




**Persone -Sen** kompaktdisko kun 11 titoloj, 38 minutoj. Vinilkosmo, Donneville 2002. Aĉetebla ĉe http://www.vinilkosmo.com

**Aviada Terminaro**
Gilbert R. Ledon, Brazilo.
La aŭtoro 2002. 21cm, 290p broŝuritaj. Baza Aviada Frazeologio kun 400 esprimoj en 13 laŭtemaj ĉapitroj.
easp@osite.com.br

**Konstruu Vian Domon**
( n-ro 6 el la serio *teknikaj kajeroj* )
Gilbert R. Ledon, Brazilo. La aŭtoro 2002. 22cm, 40p vinkititaj, kun ilustraĵoj.
easp@osite.com.br

(La redakcio de LL kaj la teamo de EASP kore dankas pro la leteroj kaj retmesaĝoj senditaj de niaj legantoj gratule al la nova versio de la revuo. Same ni dankas al ĉiuj E-organizaĵoj, kiuj dum tiuj kvar monatoj interŝanĝis kun ni siajn eldonaĵojn. )

# Esperanto survoje al profesiiĝo



*Devigaj vizitlokoj por esperantistoj el aliaj partoj de Brazilo aŭ eksterlando venintaj al San-Paŭlo estis, dum multaj jaroj, E-Asocio de San-Paŭlo, en la okcidenta parto de la urbo, kaj, depende de la graveco de la vizitanto, la busto de Zamenhof en Respublika Placo, en la urbocentro. Ekde ĉi tiu jaro tamen aldoniĝas al la listo de vizitindaj lokoj* Lingva*, profesia lernejo de Esperanto, kiu en januaro pasinta inaŭguris sian sidejon ĉe strato 7 de Abril, 235, cj. 107, en la urbocentro. En junio la respondeculo pri* Lingva*, Flavio Rebelo, malfermis la pordon de sia lernejo al La Lampiro, kiu nun regalas siajn legantojn per la suba intervjuo.*

**LL** — De kiam ekzistas Lingva?

**Flavio** — La sidejo de Lingva inaŭguriĝis la 19an de januaro 2002, sed Lingva kiel organizo jure establiĝis en 1996, kun la klara celo instrui la Internacian Lingvon profesie. La materialojn, kiujn ni uzas dumkurse, kaj la tutan strukturon kaj planadon de la lingvokursoj ni ŝuldas al nia sperto kun aliaj lingvoj. Eblas aserti sen troigo, ke Lingva estas por Esperanto-medio brazila tio, kio estas Yázigi por la angla-lingva instruado en nia lando.

**LL** — Kiun publikon celas Lingva?

**Flavio** — Lingva celas fariĝi grava Esperanto-lernejo por ĉiuspecaj personoj. Ne gravas ĉu la lingvo allogas vin per la interna ideo, per la ideologia flanko, per la movadaj festoj kaj kongresoj, aŭ simple se vi deziras nur uzi la Pasportan Servon por vojaĝi preskaŭ senpage tra la mondo. Lingva strebas envicigi ĉiujn tiujn tendencojn en la E-komunumon, plifortigi la lingvon ĝenerale, kaj idee, kaj persone.

**LL** — La sloganoj de Lingva tekstas: *Ellernu Esperanton ĉe ni* kaj *Esperanto é aqui* (Esperanto estas ĉi tie). Kion Lingva celas per tiuj du frapfrazoj?

**Flavio** — La unua *Ellernu Esperanton ĉe ni* klare indikas nian klopodon instrui la internacian lingvon al la jam E-parolanta publiko, kiu pro diversaj kialoj ne tiom funde regas la bonan lingvon. Tiun celon ni atingas pere de diversnivelaj kursoj, mezgradaj, superaj, ekonomiaj, informadikaj, turismaj k.a. La dua slogano *Esperanto é aqui* havas kiel celon la enkondukon de la internacia lingvo en ne-esperantistajn mediojn, t.e. fakultatojn, universitatojn, lernejojn, klubojn kaj ĉiaspecajn asociojn.

**LL** — Kiun instruilaron havas Lingva por atingi la supre menciitajn celojn? Ĉu propran?

**Flavio** — De la establo de Lingva, ni konsciis pri la neceso alpreni nur la plej taŭgajn kaj modernajn metodojn instrui Esperanton, kaj tio devigis nin elekti inter diversaj materialoj. Ni instruas etajn infanojn pere de nia kurso 'Besto-Ĝardeno' (propra), al pli aĝaj infanoj per la libro 'Ludu Kun Ni' (ERA – Italio) , al junuloj per 'Tendaraj Tagoj' (de Stefan MacGill), al adoleskantoj per nia propra metodo 'Somerdomo', kaj al adoltoj per propra metodo, tre efika, dividita en tri niveloj: baza, mezgrada kaj supera. Endas aldoni, ke en ĉiuj kursoj estas uzataj vidbendoj (Mazi en Gondolando, Pasporta Servo) filmoj en Esperanto (Angoroj, Mefisto, Spuroj de la Avo, inter multaj aliaj), muzikoj kaj (depende de la aĝo) ludilojn.

**LL** — Tiu sinteno rompas definitive la nunan strukturon de Esperanto-lernado, almenaŭ en

Brazilo. Ĉu vi ne timas esti akuzata konkurenci kun la lokaj kluboj kaj asocioj?

**Flavio** — Male, tute male! La laboro por Esperanto estas tiom granda, tiom ampleksa, ke nek ni, de Lingva, nek iu ajn asocio, klubo aŭ grupo povas ambicii esti la ĉefmotoro de nia lingvo, ĉu urbskale, ĉu naciskale, ĉu eĉ internaciskale. Estas spaco por ĉiuj. Ni fosu nian sulkon.

**LL** — Unu sola hirundo someron ne alportas. Kiel aliaj E-grupoj povas profiti el spertoj de Lingva?

**Flavio** — Ni decidis, de antaŭ kelkaj monatoj, ebligi al aliaj kluboj, asocioj, kaj eĉ al privataj E-instruistoj aliĝi al nia instruada sistemo laŭ franĉizaj kondiĉoj. Krome, ni jam okazigis laborstudon pri pedagogio kaj E-instruarto ĉe nia sidejo, aperta al la E-instruistoj ĝenerale, kaj ni planas daŭrigi sur tiu vojo. Multaj aliaj eventoj venos, ne nur por niaj gelernantoj, sed ankaŭ por gelernontoj niaj.




**LL** — Kion Lingva planas por la venontaj monatoj?

**Flavio** — Jam eblas aliĝi al nia ĉefa evento ĉi-jare, la unua Lingva Jarfino, kiu okazos de la 28a de decembro 2002 al la 3 de januaro 2003. Ni esperas kunigi minimume tridekon da esperantistoj en agrabla turisma urbeto, San-Luiso de Paraitingo (apud Taubateo-SP), kie ni esperantumos kaj atendos kune la transiron de la jaro, en neforgesebla lingva etoso. Menciindas la eventoj dum julio, inter ili du filmoskpektadoj, unu kun krevmaizo kaj alia akompane kun picoj, en nia sidejo, kaj speciala nokto ĉe restoracio, kun bongustaj varmegaj pladoj, certa allogo por malvarmaj vintraj stomakoj emaj paroli en Esperanto!

**LL** — Ĉu fakte estas iu merkato por Esperanto?

**Flavio** — La demando ne devas nur tuŝi la sferojn de profito kaj lukro, malgraŭ la fakto ke, por vivteni minimuman strukturon, oni ja bezonas monbiletojn. Ni konscias, ke oni ne vidos nin veturantan en aŭto-Mercedes, sed eĉ tiel la laboro por kaj per Esperanto valoras la penon. Estas monkompensoj, tute certe, sed ili ne estu la bazo por E-agado.

**LL** — Por Lingva, ĉu Esperanto estas varo, kulturilo aŭ ia paciga instrumento?

**Flavio** — Esperanto entenas kulturan valoron, pacigan potencialon latentan, kaj tial meritas esti disvastigata vare, profesie. Idealismo kaj praktikeco ne estas per si mem nature kontraŭdiraj. Unu komplementas la alian.

**LL** — Propragando estas decidiga faktoro. Kiel Lingva laboras ĉi-kampe?

**Flavio** — Propragando estas la spino de nia agado. Ju pli da personoj scias pri Esperanto kaj ties kulturo, des pli da potencialaj lernontoj ni akiros al ni. Por atingi la celon disvastigi la lingvon, ni decidis agi konsekvence kaj profesie, pere de la plej modernaj medioj. Atendu novaĵojn en interreto, radioprogramoj kaj aliaj komunikrimedoj. La celo estas prezenti la lingvon ene de ties kulturaj valoroj, ĉu per muzikoj, ĉu per originala literaturo, ĉu per la praktikaj avantaĝoj, kiujn oni havas ellerninte la lingvon. Ni, esperantistoj, bezonas distrumpeti la atingojn de nia komunumo ekstermovaden.

**LL** — Dankon pro la intervjuo kaj sukceson!

# Kiel kreive subteni esperanton

E-grupojn kaj asociojn dezamenhofe subtenas malavaraj membroj kaj, laŭeblece, improvizita libroservo. La situacio tamen ŝanĝiĝis. De kelkaj jaroj konstateblas malkresko kaj de legantoj, kaj de membroj-kontribuantoj. Kiel do enkasigi monon por plue funciigi la E-movadon? Esperanta Klubo Zamenhof, sendependa kultura klubo kun propra sidejo situanta ekde 1949 en la ŝtata ĉefurbo San-Paŭlo, trovis — antaŭ tri jaroj — sian ovon de Kolumbo. Temas pri reklamrevuo. La interesan kaj aplikeblan ideon ekhavis unu el ĝiaj membroj, s-ro Omar Coutinho, kiu ne nur prezentis la bonvenan ideon, sed ĉefe ĝin metis en praktikon. Li mem vizitis la lokajn komercistojn cele konvinki ĉi tiujn aperigi sian entreprenon en la nova reklamrevuo Saiba Tudo (Ekkonu Ĉion). Komence ne estis facile konviki entreprenistojn asociigi la markon de sia produkto aŭ servo al nekonata publikigaĵo. Tamen miraklo ekzistas kaj tiu alio ne estas ol persista ripetado de homa volforto.



Ĉar la konkurenco tiukampe estas vere akra, ni devis uzis iom da ruzo kaj kreemo. Anstataŭ revuo nure-sole pri reklamoj, kiun post trarigardo oni forĵetas, ni aranĝis la aferon tiamaniere, ke la revuo ĉiam aperigu, krom la reklamoj, iun atentokaptan artikoleton, informon, eltiraĵon aŭ teston.

Komence la interno de la revuo estis nigra-blanka kun ĉ. 40 paĝoj. Nun ĝi fariĝis plenkolora kaj ĝia paĝo-nombro duobliĝis. Duobliĝis ankaŭ ĝia eldonkvanto: de 2000 al 5000 ekzempleroj nuntempe. Cetere ne temas pri publikigaĵo en Esperanto por esperantista publiko, nek publikigaĵo pri Esperanto por ne-esperantista publiko. Temas ja pri nacilingva publikigaĵo por nacilingvanoj. Sed tio ne malhelpas, ke oni aperigos artikolojn pri la aktivecoj de la klubo, pri Esperanto mem kaj pri lingvaj kuriozaĵoj ĝenerale.

Per tiu eldonlaboro la klubo estas duoble regalita: unue per la enkasigo de monrimedoj por plue funciigi siajn aktivecojn; due, danke al la ekesto de tiu kroma laboro, la klubo jam laboristigas du profesiulojn, nome la reklamvendiston kaj la enpaĝigiston. La aliaj postenoj daŭras volontulaj. La aperritmo de la revuo estas sesmonata (kun ebleco fariĝi 4 monata ekde la venonta jaro). La enspezo de ĉiu eldono ankoraŭ estas magra, sed sufiĉa por subteni la klubon dum ses monatoj.

La ideo estas kopiinda aliloke. Se via grupo disponas je homrimedoj kaj ekinteresiĝos pri la starigo de tiu kroma eldona laboro, jen kelkaj konsiloj el niaj propraj spertoj:

» Komence celu pli disvastigon kaj stabiliĝon de la publikigaĵo ol profiton mem.

» Rapidu registri la nomon de la nova publikigaĵo ĉe la koncernaj ŝtataj instancoj, cele eviti malagrablajn surprizojn poste.

» Multe helpos tio, se iu en via grupo aŭ amika rondo konas presiston, kiu povos kredite fari la unuajn eldonojn.

» Nacilingva eldona merkato senĉese renoviĝas per plentaga laborado de salajrataj profesiuloj. Laŭeble salajrigu ankaŭ la skipajn vonlontulojn, tial ke via laboro indos konkurenci kun nacilingvaj eldonaĵoj.

Helpi al Esperanto oni povas kaj per mondonaco, kaj per tempodisponigo. Sed elektante ĉi lastan, oni strebu agi kiel eble plej profeciece. Tiel pliriĉiĝas Esperanto, tiel pliriĉiĝas onia vivo mem.

*Esperanta Klubo Zamenhof*
*Rua Idioma Esperanto, 363*
*08010-350 São Paulo, SP – Brazilo*
*zamenhof_klubo@mail.com*



---

# Pasinte kaj Nuntempe



Antaŭ kelkaj tagoj, trapasante en Rocha Miranda, antaŭurbo de Rio-de-Ĵanejro, mi memoris iun pasintecon de juneco kaj poezio, kiujn ĝenerale la homoj gardas en si mem.

La sesdekaj jaroj diktis la vivkoncepton de multaj personoj kiuj hodiaŭ reprezentas la generacion, kiun oni nomas tria aĝo. Tiuj tempoj de rokenrolo, bosanovo kaj aliaj muzikmovadoj, kiujn mi travivis en tiu kvartalo, vere influis la hodiaŭajn kvindekjarulojn...

Pripensante tion, mi memoris la malnovajn kinejojn, kie oni ĝuis bonajn vakero-filmojn kaj la infanaro amuziĝis en la dimanĉaj matineoj... Denove mi pripensis: kie estas nun tiuj kinejoj? La demando eĥadis longe en mia kapo, dum mi ĉirkaŭiris la placojn kaj la stratojn, kiujn mi trairadis. Rigardante antaŭen, mi pensis pri kinejo Guaraci, la plej bona de tiu tempo! Ankaŭ la kinejo São Francisco, kiu apudis la fervojon... Kaj la lasta, nome kinejo Rocha Miranda, la plej populara kaj nemultkosta. Pro tio ĝi estis la plej vizitata de la adoleskantaro...

La tempo pasis. Mi ankaŭ partoprenis en tiuj dimanĉaj festoj, profitante mian junecan tempon... Sed la kinejoj ne plu ekzistas... Kaj kion faras hodiaŭ la adoleskantaroj? Ho! La komputiloj! La videoludoj... Kaj aliaj inventoj kiuj vere “renversis” la kapon de la junularo!... Nuntempe nur estas novaĵoj kaj manioj, formante aliajn pensmanierojn ĉe la homoj. Vere malĝojigas min la komparo de la epokoj — tio estas, pasinte kaj nuntempe.



Ŝajnis al mi ke 40 jaroj estas 40 jarcentoj! Kaj kiel estos post pli 40 jaroj? Kaj pli... kaj pli... Kiaj novaĵoj trafos nin?
Volu Dio ke estu nur BONAĴOJ...

Daniel Peliz

# Promeno al bieneto

Ordinare e-istoj renkontiĝas en kluboj, plej ofte por paroli pri Esperanto aŭ klubaj aferoj. Plej malofte e-isto invitas alian e-iston por viziti parkon, kinejon, lunĉejon k.s. por babili esperante pri ĉiutagaĵoj. E-istoj estas forte interligitaj ideale, sed supraĵe kunligitaj sociale. Tial oni devas laŭdi ĉiajn iniciatojn, kiuj sociale pli alproksimigas la e-istojn. Ĉifoje la laŭdoj iras al la direktoro pri propagando-fako de EASP, s-ino Aparecida Araújo, kiu disponigis sian bieneton, situantan ĉirkaŭ 25 km for de la urbo San-Paŭlo, al dudeko da geesperantistoj. La karavano, konsistanta el kvin aŭtoj, ekiris de kvartalo Santana la pasintan 30an de majo matene kaj atingis la bieneton post duonhora veturado.

Por kelkiuj la promeno ja komenciĝis aventurece. Unu el la stiristoj, pro misatento, sekvis aŭton neapartenantan al la kavavano kaj atingis la renkontiĝejon ĝuste tagmanĝhore! Alia survoja aventureto okazis proksime de la renkontiĝejo. La ŝoseo, komence ĉirkaŭita ambaŭflanke de urbaj konstruaĵoj, post kelkaj kilometroj subite iĝis vojo bele ornamita de arboj, kies interplektitaj branĉoj formis arkon super ĝi. La aŭto antaŭ la nia, atinginte tiun plej deklivan parton de la vojo, komencis fumi kiel drako kaj iom post iom kaŝis ĉiujn aŭtojn malantaŭ si sub blanka nubo da fumo, kiu kreskis pli kaj pli . Oni havis la impreson, ke la tuta ĉirkaŭa arbaro ekbrulas. Plej malbone: la vojo ne havis



ŝoserandon. Fine la timigita stiristo sukcesis parki la aŭton kaj pruvis al ni per fakturo, ke la aŭtoriparisto estis riparinta la aŭton la pasintan tagon. Antaŭ tiu konstato ni ĉiuj malstreĉiĝe spiris.

Alveninte al la bieneto, ni konstatis ke tie jam atendas nin nia kara gastigantino kaj ŝiaj simpatiaj familianoj, kiuj, malgraŭ tio ke ili ne parolas la lingvon de la vizitantoj, faris sian eblon por kontentigi ĉi tiujn per preparado de bongusta supo el manioko, frandinda suko el sukerkano kaj ĵusmuelita kafo i.a., ĉiuj plantitaj kaj rikoltitaj en la bieneto mem.

La antaŭkorto de la bieneta domo estas kovrita de verda herbotapiŝo bone zorgata. Sur ĝi estis aranĝitaj kelkaj tabloj kun seĝoj por ke la vizitantoj, komforte sidantaj, plenigu la ĉirkaŭaĵon per la belsona lingvo de l' homaro. Klaĉadoj, informoj, sugestoj, patraj avertoj, kiel-nomiĝas-tioj, ridoj, demandoj, rimarkoj, kantoj kaj alioj tutesperante kaj plenĝue trafluis en la aero de unu buŝo al alia.

Tien oni iris ne por pridiskuti la protokolon de la lasta klubkunveno, nek por elpensi plian strategion por varbado de novaj samideanoj. Male, tien ni ĉiuj iris kun pli scienca celo. Ni volis scii kiu estas la esperanta respondo por piko de formiko; kiel reagas esperante patro, kies kvarjara filino (inter ni ja troviĝis denaska esperantistino) kaŝe surgrimpas arbon ĝis alteco je dek metroj kaj krias "paĉjo, jen mi sukcesis!"; kiaj vortoj ( fundamentaj, akademiaj, PIVaj) plej taŭgas por priskribi kamparan pejzaĝon. Nur por citi kelkajn eksperimentojn.

Bedaŭrinde aperis nenia formiko, la etulino forgesis ludi arbo-surgrimpadon kaj la feriantoj estis tiel ravitaj pri la pejzaĝo, ke mankis al ili vortoj por sin esprimi...

Nu, eble en la venonta promenado ni estos pli bonŝancaj.

Tenorjo

# *Vekiĝo en murmuroj*



*... mateniĝis*

*dekadencis la solenaj murmuroj*
*disfalis la nekredulaj pensoj*
*kaj ne foriris la hazardaj noktuloj*

*... vesperiĝis*

*revenis la murmuroj*
*kreskis la pensoj*
*kaj ne foriris la noktuloj*

*... noktiĝis*

---

# *La beleco*

*Ĝi estas tia...*
*unika kaj kaŝita*
*nigra*
*morbo —*
*kunulino de miaj vojaĝoj*
*de la provoj, de la adiaŭoj*



*Ĝi estas tia...*
*vivo kaj morto*
*senkolora*
*ombro —*
*esenco en miaj paŝoj*
*en la tenebro, en la lumeco*

*Ĝi estas tia...*
*diino*
*beleco —*
*la mondo, la karno kaj la demono.*

*Luko*

# Per dialogo oni interkompreniĝas




*La bazaj funkcioj de la lingvoj estas komunikado kaj interkompreno. Multfoje tamen ni forgesas, ke la gepatra lingvo estas la plej grava por nia emocia kaj perceptokapabla disvolviĝoj, la ilo per kiu ni lernas ekkompreni kaj envortigi nian universon. Nuntempe ekzistas ĉirkaŭ 6 mil malsamaj lingvoj en la mondo, ĉiu el ili kun sia propra - kaj kompleksa - sistemo de sonoj, signifoj kaj gramatiko. Tial UNESKO starigis la Internacian Tagon de Gepatra Lingvo, memorigatan je ĉiu 21-a de februaro, rekone al la kreemo de la homa estulo kaj al tiu vivanta heredaĵo, kiu devas esti protektata.*

La supra tekso aperis en UNews n-ro 8 marto/aprilo 2002, publikigaĵo de UN-fako en Brazilo. Estas bedaŭrinde, ke tiu tutmonda organizo agas tiel naive antaŭ grava nuntempa problemo, nome la neceso protekti naciajn lingvojn de superregantaj lingvoj. Kio valoras starigi la 21-an de februaro kiel Internacian Tagon de Gepatra Lingvo, se landoj ekonomie kaj politike pli potencaj ĉiutage plue altrudas siajn lingvojn al la ceteraj popoloj de la mondo? Tian naivecon nur pravigas tio, ke malmultaj ekcias pri UNESKO-rezolucioj, kaj ŝajne la prestiĝa organizo ne timas fariĝi mokataĵo al la mondo.

Kaj ne pro manko de informoj tamen . Jam delonge la esperantista komunumo klopodas vidigi al tiu organizo la realan ampleksecon de la problemo pri internacia komunikado. La atingoj ĉi-kampe tamen resumiĝas al du agnoskoj far la organizo (Montevideo 1954 kaj Sofio 1985) pri la pedagogia valoro de Esperanto. Kiam UNESKO maturiĝos kaj ekkomprenos, ke nur unu tia neŭtrala tutmonda komunikilo, kia Esperanto, povas protekti naciajn lingvojn kaj samtempe garantii ties samrajtecon sur la internacia kumunika scenejo?

Se plaĉas al UNESKO plu starigi memortagojn , ke ĝi jam komencu pripensi daton por la "Tago de Mortintaj Naciaj Lingvoj".

---

**Barcelona Esperanto-Centro,**
okaze de sia 25-a Jubileo, organizas kunvenon por BEC-amikoj sub la nomo:
1-aj Someraj Dialogoj Esperanto-Restadejo
**6-7-8 de septembro 2002**
Camí del Pou 9,08691-Monistrol de Montserrat
Barcelono, Hispanio. Tel. 679-71-59-82



# San-Paŭlo surreliĝas survoje al la estonteco

San-Paŭlo enhavas 10 milionojn da loĝantoj. Tra ĝiaj stratoj kaj avenuoj cirkulas pli ol 5,5 milionoj da aŭtoj. Ĝia busaro, unu el la plej grandaj en la mondo, veturigas pli ol 6 milionojn da pasaĝeroj tage. La urba fervojreta sistemo transportas ĉirkaŭ 3 milionojn da homoj ĉiutage.



Malgraŭ tiuj imponaj ciferoj, ordinare nia loĝantaro foruzas po pli ol du horoj tage por iri al laborejo, kursejo, distrejo aŭ simple viziti parencojn semajnfine.



Cele falicigi la vivon de milionoj da homoj, kiuj dependas de publikaj transportoj por translokiĝi tra la urbo, la Sekretariejo pri Transporto de la ŝtata ĉefurbo San-paŭlo, partnere kun la ĉi tiea Kompanio de Urbaj Transportoj — CPTM, entreprenas ekde la pasinta jaro faraonan projekton nomatan *Urbocentra Interligo*. La projekto interligos la tri ĉefajn trajnstaciojn de la urbo, nome stacioj Barra Funda, Brás kaj Luz, kiu post la restaŭrado havos subteran interligon kun la samnoma metrostacio. Temas pri la plej granda interliga konstruado de fervoja transporto jam realigita en Brazilo. Ĝi konsumos 95 milionojn da dolaroj , kaj laŭ ĝiaj inĝenieroj, en la venonta septembro inaŭguriĝos la unua parto de la projekto, nome la surtera interligo inter la tri supre menciitaj stacioj. Kiam la projekto finiĝos, eblos veturi, per unu sola bustrajn-bileto, al iu ajn parto de la metropolo.

La trajnstacio Luz elstariĝas inter la aliaj pro ĝia impona centjara konstruaĵaro. Onidire ĝi estis kontruita en 1901 de brita inĝeniero Charles Henry Driver, dum la apogeo de la tiamaj kafkulturej-reĝoj, kaj plejparto el ĝiaj konstruelementoj venis rekte el Britio.

Fine de la 50aj kaj komence de la 60aj jaroj, pro la transloĝiĝo de la financa kaj banka centroj al la avenuo Paulista, en la suda parto de la urbo, la urbocentro ekdekadencis, kaj kune kun ĝi la stacio Luz, simbolo de la Kafo-Metropolo.



La restaŭrado de la stacio konservos la originalajn trajtojn kaj majeston de ĝia konstruaĵo. Por koni pli detale la projekton, vizitu persone la konstantan ekspozicion *Projekto Urbocentra Interligo* en la stacio Luz mem, de lunde ĝis vendrede dum labortaga horo, aŭ interrete ĉe www.cptm.com .

---

*“Multaj homoj supozas ke ili pensas, kiam fakte ili nur reordigas siajn antaŭjuĝojn.”*

Wiliam James (1842-1910), usona filozofo

# La arto kompreni la naturon



*Monto burĝonas*
*la majest' de l' ipeoj*
*sur pentrista tol'*

— Hazel de S. Francisco

Por multaj la supra poemo havas neniun sencon, escepte tiun de ĉiuj apartaj vortoj mem. Laŭ PIV, ĝi estas japana fiksforma poemeto el tri versoj de 5,7,5 silaboj, kies enhavo estas objektiva naturrigardo (*hajmo*) kun nepra akompano de vorto (*kigo*) aludanta pri sezono. Alinome, hajko.

El Japanio, lulilo de tiu miljara versfarado, hajko vojaĝis al Eŭropo en 1612 per la manoj de la portugala jezuito João Rodrigues, kiu vivis dum kelkaj jaroj en tiu fora lando kiel katekizanto. Ĝian alvenon al Ameriko oni ŝuldas al la brazila recenzisto Afrânio Peixoto, kiu en 1919 unuafoje aludis pri tiu klasikaĵo japana nialande en antaŭparolo de eldonaĵo pri brazilaj troboj.

La enmigrado de japanoj en nian landon ekde 1908 estis decida faktoro por la florado de tiu arto ekster ties lulilo. En 1941 jam estis enirintaj en Brazilon ĉ. 150 mil japanoj kaj kune kun ili multaj hajkistoj, inter kiuj la pioniroj Shuhei Uetsuka (1876-1935), Kan-Ichiro Kimura (1867-1938) kaj Kenjiro Sato (1898-1979). Allogataj de la nova flaŭro kaj faŭno, ili komencis prikanti la belaĵojn de Brazilo, laŭ sia plej karakteriza kaj sincera naturpreĝo, nome hajko.

## Kigo

Laŭvorte kigo signifas "sezonvorto". Ĝi aludas al la jarsezonoj aŭ al sezonaj fenomenoj kaj estas nedisigebla parto de hajko, laŭ japana tradicio. La koncepto pri kigo rekte ligiĝas al la budhismaj principoj, laŭ kiuj ĉio en ĉi tiu mondo estas nedaŭra. La japana kultura heredaĵo, nutrata de longjara tradicio kia la kigo, estis ignorata de la okcidentaj hajkistoj aŭ ĝi ne estis sufiĉe disvastigita nur pro tio ke tiun tradicion ne konas la okcidenta poetiko.[1]

Trovi kigon estas vera arto. Matsuo Basho [Baŝo']-(1644-1694), japana majstro pri hajko, iam diris ke, se iu malkovros unu nuran kigon dum sia vivo, tio jam estos valora heredaĵo postlasota al la venontoj.

Laŭ Basho, poezio estas sinonimo de virto, kaj nur kiu estas bona kaj kore pura, tiu povas senti sin kiel vera poeto. Li respektis la tradicion, sed rompis ĝin per ĝia rekreado, laŭ liaj vortoj mem: "Mi ne sekvas la vojon de la antikvuloj, sed tion, kion ili serĉardis; se tio, kion ili serĉadis estas la vero, tiu do devas esti la fundamento de poetiko." Por li la vero estas la esenco de arto. Por ĝin atingi necesas, ke la poeto kaptu per la sentumoj la realon tia kia ĝi estas: cele kompreni palmarbon oni nur bezonas ĝin senpere rigardi.

Ne senmotive oni fojfoje aludas al Basho kiel la orienta sankta Francisko el Asizo: ambaŭ nonaĥoj, kulturistoj de malriĉeco kaj belaĵoj naturaj; fratoj de la suno, la luno, steloj, plantoj kaj bestoj; unuvorte, aŭtentaj poetoj.

(1) Interesa kaj utila libro pri kigologio estas "Naturo — lulilo de hajko" de Musuda Goga kaj Teruko Oda, portugallingve eldonita de Diário Nippak –1996, 268p — memore al la centjariĝo de amikeco inter Brazilo kaj Japanio. Ĝi prezentas liston de kigoj, dividitaj laŭ jarsezonoj kaj klasifitaj laŭ temoj.

## La Dek (mal)Ordonoj de Hajkofarado

de Ricardo Silvestrin*

1. Per konkretaj elementoj, nome la vortoj, hajko rivelas al ni ion abstraktan — la *haimi* (hajmo).
2. Hajmo estas la plejo de hajko. Ĝi estas la percepto aŭ senco, kiun ni atribuas al io, kaj kiun ni volas kunĝui kun aliuloj per vortoj, kiuj unue statas kiel esprimo kaj poste kiel esprimilo.
3. Hajmo atingeblas per meditado.
4. Medito-staton oni atingas per perceptado.
5. Meditado sendependas de la meditaĵo. Ĝi povas esti io ajn: la naturo, la homnaturo, la ĉiutago, ideoj kaj eĉ vortoj. El io ajn rigardata per meditado, oni povas estigi hajmon.
6. Hajko do ekestas el io kiel objekto de meditado. Tiu objekto estas prezentata al ni por ke ni ekvidu ne ĝin mem, sed tion, kion la aŭtoro vidis en ĝi kaj volas kunĝui kun la leganto.
7. La formalaj rimedoj propraj al poezio, nome metriko, rimo, vortludoj k.a. valoras se ili celas malkaŝi al ni la hajmon. Aliflanke, se la hajko enhavas hajmon, tiaj eksteraj formalaj aspektoj estas akcesoraj kaj uzi ilin aŭ ne estas afero de gusto.
8. Hajko ne estas io per si mem. Io ajn per si mem havas nenian sencon. Neeblas paroli pri aferoj kiel ili parolus, se tiel ili povus. Sed ili ne povas. Estas nia rigardo sur ili kio ja estigas la hajkon. Kaj paroli sen komplikaĵoj jen kion instruas al ni la estetiko de hajko.
9. La ŝanĝiĝemo de ĉio estas unu el la aferoj perceptataj dum meditado. En hajko, tiu ŝanĝiĝemo estas reprezentata per *kigo*.
10. La kigo do nur validas, se ĝi estas rivelanto de hajmo.

(*) Por legi la kompletan tekston, en la portugala, iru al *www.kakinet.com.br* .



## Ekkompreni hajkon

La kigo de ĉi-supre enkondukanta hajko legiĝas tiel:
ipeo (kigo de printempo) temo: flaŭro

Per tiu poemeto la leganto estas invitata alproksimiĝi al la naturo, unue per la memorigo/aldono al lia vortprovizo de unu plia plantospeco el nia riĉa flaŭro, kaj due per la konstato/malkovro de tio, ke, el la kvar jarsezonoj, printempo estas ĝuste la periodo dum kiu floradas la ipeoj. La poemeto priskribas naturan pejzaĝon, sed ĝi apenaŭ montras kion la aŭtoro vidis en ĝi. Post tralego de la poemeto kaj nerapida, senpensa enrigardo, la leganto perceptas “movojn” en ĝi: nun estas printempo; poste alia sezono konturos la pejzaĝon, kaj tiel cikle. Kaj jen ĝuste eron de tiu ŝanĝiĝemo la pentristo volis eternigi per siaj farboj sur la tolo. Se la leganto perceptis tion, li vidis kion la aŭtoro vidis. Tio estas *hajmo*.

Pro manko de spaco ni pritraktos en la venonta numero specife pri la esperanta hajkofarado.

# Esperanto laŭ ĵurnalistoj

La rezultoj el jarcenta diskonigo de Esperanto ne estis tiel efika kaj profitdona al evoluiĝo de Esperanto, kiel volus la esperantistoj. Bedaŭrinde, nur kelkaj metaforaj ideoj estas la solaj, kiuj restas en la kapoj de homoj, kiuj faras la ĵurnalistan medion. Gravaj ĵurnaloj mistrafe pritraktas Esperanton kaj egaligas ĝin pli proksime al malsukceso ol al iu ajn akirita avantaĝo. Kial? Fakte estas multaj kaŭzoj por tiaj situacioj, interne kaj ekstere al la esperanta movado. Aldone, oni vivas momenton, en kiu oni ne facile trovas fekundan grundon por Esperanto, precipe pro la natura elekto al la angla, pro la granda ekonomia sukceso de la anglodevenaj nacioj.

Akompane al Esperanto, aliaj bonaj ideoj ankaŭ ne havas fekundan grundon, kiel ekzemple, pacon, povoekvilibron inter nacioj, demokration kaj sanon por ĉiuj, kies kaŭzoj estas pli ligitaj al neracieco ol al nura ekonomia poveco. Oni konscias, ke Esperanto apartenas al pli digna kaj respektinda mondo. Tamen, ĉiuj bonaj sentoj estas konsiderataj kiel idiliaj kaj ne tro praktikaj por la nuna mondo. Do, daŭre ni, esperanto-parolantoj, estas konsiderataj kiel estante je la flanko de utopia mondo, profunde ligite al nepraktiko, laŭ la volo de ĵurnalisma medio. Ili samrangigas nin al fanatikaj religiemuloj, neraciaj aŭ simple kiel borderaj estuloj de vera mondo. Pri tio, oni jam scias kaj multfoje pasive malŝatas.

La problemo kun la novaĵmedio estas ke oni pli ofte legas ol aŭdas aliajn konsiderojn pri Esperanto kaj ties movado, kiuj stereotipe maldignigas la lingvon kaj indignigas la esperantistaron.

Vidu kelkajn citaĵojn en famaj taggazetoj en Brazilo:

*... la* Centuriaro *de Nostradamo estas hemertika teksto, skribita en arkaika franca lingvo, plena de vortoj el latina, greka kaj hebrea lingvoj kaj, multfoje, la nostradama stilo fandis la vortojn en speco de magia Esperanto. (OESP, 2001.09.28)*

Ĉu la multe pli orda origino de esperanta vortaro devas ĉiam alveni al la kapo de la ĵurnalistoj kiel senbrida miksaĵo de sensencaj vortoj? Kial? Eble insisti en la diskonigo pri la diversorigina formado de esperanta radikaro estas ne inda en la kapo de ĵurnalistoj, kiuj ne sciante la lingvon pensas, ke Esperanto estas bolpoto da strangaj vortoj. Ni nepre estu singardaj en la priskribo de la planita Esperanto. Eble insisti pri la multnacia taŭgeco de la lingvo pli konvenus ol priskribi kiel ĝi estas farita.



*La angla estas la "Esperanto" kiu sukcesis atingi la celon, ne nur pro la brita ekspansio kaj pro la amerika ekonomia povo, sed ĉar la angla-lingvanoj altrudis kaj nure plenesprimiĝas en la idiomo de Ŝekspiro. (OESP, 2000.07.08)*

Ĉu la sukceso de Esperanto ĉiam dependos de eventuala malsukceso de la angla? Tiu misa konsidero, eĉ el esperantistoj, estas unu el gravaj ekzistantaj misinformoj. Multfoje la esperantistoj "preskaŭ" aplaŭdas kaj instigas fiaskojn de la angla kiel internacia lingvo. Ĉu oni fakte konscias, ke oni ne stimulas internaciecon kiam oni kontraŭbatalas la anglan? Volenevole, la angla malfermas mirindan sulkon laŭ kiu esperanto plene rajtas piedumi. Tamen, la ĵurnalistoj ne rajtas prifajfi sukcesojn kaj malsukcesojn de lingvoj. Oni kohere devas defendi tiun justan traktadon, ĉar se ekzistas filozofio por Esperanto-movado, tiu nepre estu la

demokratio inter lingvoj. En tiu citita kazo, la ĵurnalisto iel malkontentas psikologie pro la forta volo kaj povo de angloparolantoj, tamen rekonas ilian malsimilan manieron kaj fieron rilate al uzado de sia angla lingvo kontraste al la portugallingvanoj. Esperanto aperas en la frazo preskaŭ kiel helpvoka krio, kiel rememoro pri egaleco inter la popoloj. En la kapo de la ĵurnalisto tiu vorto rememorigas iaman sonĝon por la homaro. Do, misa uzado laŭ ni, tamen ni pasive normale ne reagas. Kial?

*Nisan Guanaes[1] alvenas al Interreto kun la sama manĝovolo: profitoj. Ĉetable kun aliaj konkurantoj, li proponas antaŭkonsenton pri la reto en Brazilo: la klopodo de ĉiuj retpordegaj posedantoj devas celi kreskigi la brazilan retuzantaron - nuntempe malpli ol 10% de la brazila loĝantaro. «Kontraŭe, ĝi estos lernejo de Esperanto batalante kontraŭ alia», li diras. (Época, 2000.04.10)*

Tiaj subtilaj implicoj, ke Esperanto apenaŭ ekzistas, estas ŝokaj. Esperanto estas konsiderata negravaĵo je la ekonomia vidpunkto. Tiuj implicoj pri apenaŭa ekzisto de Esperanto kaj ties negraveco ekonomia estas gravaj bariloj por pliaj argumentadoj favore al nia movado. Oni povas ne esti forta en ĉio, sed ni estas tre fortaj rilate al ideoj, interlingvistikaj koncernoj kaj bone spertas en internaciaj rilatoj— kaj la nia estas ĉies lingvo. Ni ne distrumpetas tion, tamen la esperantistaro en interreto estas unu el la vere gravaj internaciaj komunumoj kiuj ekzistas nuntempe. En la aliaj nacilingvaj komunumoj, precipe en la anglalingvaj listoj, la koncentriĝo en naciecoj malhelpas tutmondiĝon en interreto, sed per Esperanto oni vere tutmondiĝas kaj specimene oni pruvas la viveblecon de ekvilibra interkomunikado internaciskale, kiam vere neŭtrala lingvo aperas.

> “La problemo kun la novaĵmedio estas ke oni pli ofte legas ol aŭdas aliajn konsiderojn pri Esperanto kaj ties movado, kiuj stereotipe maldignigas la lingvon kaj indignigas la esperantistaron.”

Tiuj ekzemploj jam skizas nian malfortecon kiel movadon en la kapo de la homoj kiuj mastras informadon. Tiu fenomeno ne situas nur en Brazila merkato, tamen mondskale. Antaŭnelonge, Helmut Kohl diris: “Mi ne volas Esperanto-Europon!”. Tiu ja estas multe signifa, kaj ĝia reliefigo fare de ĵurnalistoj estas terure komuna sento kontraŭ Esperanto. Oni normale egaligas Esperanton al speco de komuna fandaĵo de ĉiuj kulturoj, ideoj, monoj, sovaĝaj sennaciecoj kaj subkonscie al senbridaj povomanĝoj de fortuloj kontraŭ malfortuloj. Kelkfoje, mi eĉ pensas, ke kiam ili volas uzi la vorton “esperanto” en tiu senco, estas la simbola lingvo “angla”, kiun ili volas meti.

Kohl fakte, naciisme, ne volas la ekspansion de angla mondo aŭ eble de franca malfavore al la germana. La vorto “Esperanto”, kun sia jarcenta diskonigo de “unu lingvo por ĉiuj”, servas kiel bona surogato al tiuj povoavida idearo, kiu misuzas ĝian propran signifon, kaj metafore maldignigas ĝin. Por ili, la novaĵistoj, uzante “esperanto”-n, kiel idearon, diras multon pri ilia penso sen diri la korektan vorton. Oni stereotipe povas pensi ke tio bonas al nia movado, ĉar oni diskonigas almenaŭ la vorton kiu nomas nian lingvon. Tamen, tio estas tre ofenda al nia pasiva pacema kulturo, kiun

(1) Fama brazila entreprenisto en la kampo de diskonikigo kaj informado, posedanto de retpordego IG.

normale praktikas nia komunumo. La konsekvenco de ilia agado al ni estas sama kiel malkonsidero pro racismo. Oni estas traktataj kiel simplaj fantaziuloj, utopiuloj, pli malbone, kiel skismaj al la normala sistemo. Tio estas treege forta kontraŭ nia malforta movado kaj malhelpegas la diskonigadon de Esperanto.

Do, kion fari?

Ni nepre rebatu ĉion, se ni, kiel esperantistoj, sentas la devon. Eĉ per malfortaj kaj ne bone fundamentitaj konceptoj kaj filozofioj pri la internacia lingvo. Tamen, oni devas praktiki nian argumentkapablon ĉefe kontraŭ misinformoj pri la lingvo. Oni ne povas intermiksi esperantajn aferojn kun niaj religiaj aŭ filozofiaj idearoj, ĉar ili estas niaj, ne de Esperanto kiel tutaĵo. Oni ne povas daŭrigi aldonante ideojn al Esperanto, kun preskaŭ neelteneblaj adjektivoj kiel lingvo de frateco, de amikeco, de la tuta homaro, de la mondo sen bariloj. Verdire, ĉiuj el tiuj esprimoj ne estas nur de nia movado, tamen de la plenpaca mondo. Do, oni ne lanĉu sur ŝultrojn de malforta movado la tutan ŝarĝon de monda evoluiĝo. Ni, esperanto-parolantoj, povos heroldi tiun mondon, tamen ke oni faru tion interne de la movado anstataŭ prezenti eksteran adjekton, kiu eventuale estos maltrafe uzata kaj kontraŭ ni mem.

Informado kaj diskonigo de korektaj ideoj estas bazo por estontecaj konsideroj pri nia lingvo kaj movado. Kial oni ne komencu konsideri la simplaĵojn de nia movado, kiel simple "Esperanto estas lingvo por internacia interkomunikado", sen pliaj flugoj. Tiu jam estas sufiĉe vasta kampo por diskutado. Eble, la ĵurnalisma mondo ne miskomprenu nian plej bazan sintenon kaj lasos nin vivigi nian Esperanton. Por antaŭenigi nian idealon, ni nepre faru nian fekundan sulkon surgrunden, kontraŭe, cent semoj perdiĝos, mil semoj perdiĝos kaj ni lace ne progresos.

Adonis Saliba

# Lampiro

Estas en lampiro lampo,
Ĝin gvidanta tra mallumo...
Dum ĝi flugas sur la kampo,
Inter floroj kaj parfumo...

Tre feliĉas la Lampiro,
Kiu propran lumon havas.
Kaj montras dum sia iro,
Ke al neniu ĝi sklavas.

Donis al mi, la besteto,
Lecionon la plej brilan!...
«Propran lumon, ho Poeto,
Kaj havu vivon trankvilan!...»

Jen kun granda bonvolem'
Mi faras surdigan bruon.
«Se ni havos lampon mem,

Dum la veno kaj reiro,
Kiel faras la Lampiro,
Ni ne falos, ja, en truon!...»

Manoel Borges dos Santos
dokito@mma.com.br



# Fernando Pessoa

*Fernando Antônio Nogueira Pessoa, elstara portugala poeto, kiu loĝis ankaŭ en Sudafriko.
Li multe studis, multe lernis kaj multe verkis. Ofte li subskribis siajn verkojn kiel Alberto Caieiro, Álvaro de Campos kaj Ricardo Reis.*



(1888-1935)

## Mi

Frenezulo mi estas kaj kiel pasinton mi havas
Foran kaj nefidelan rememoron,
De ia bonŝanco kelktempa,
Kiun mi sonĝis infanaĝa.

Poste, fiaskinta vivovojo,
El mia destino senespera,
Mi perdis, en nebulo de senglora nokto,
La konon kaj kuraĝon de l' kunligo.

Mi nur retenis kiel povran ringon,
Kiu ĉiun heredulon riĉigas,
Perditan malvarmon, kiu kovras min.

Kvazaŭ ĉielo, baldakeno de almozulo,
En la turno senutila kie mi staras,
De la taŭga vojo, kiun mi ne sekvas.

esperantigis Paulo R. Santos

# Okcidento ŝotas la eskalon

Vi vizitas disvolviĝantan landon, kiel politika analizisto. Tiu lando havas la fakte plej altan impostprocenton en la mondo. La plejparto el la landanoj ne povas baloti kaj la aĉetado de balotoj kaj la balotadaj fraŭdoj estas ĝeneraligitaj. Oni neniam kontraktis eĉ unu solan publikoficiston per malferma konkurso. La publikaj financoj estas malfortikaj, kun rekordoj de nepagplenumoj de la pruntoj faritaj al la registaro, kio maltrankviligas la eksterlandajn investantojn. Ne estas leĝo pri konkurenco, ĵus aboliĝis stranga leĝo pri bankrotoj kaj oni ne rekonas fremdulajn aŭtorajn rajtojn. Resume, la lando faras ĉion en la inversa maniero de tio, kion rekomendas Internacia Mona Fonduso, Monda Banko, Komerca Monda Organizaĵo kaj la internacia investado-komunumo.

Ĉu tio sonas kiel katastrofa preskribo por disvolviĝo? Pensu iom pli. Nu, tiu lando estas Usono, sed la tempo estas ĉirkaŭ 1880, kiam ĝia rento-nivelo similis la hodiaŭajn de Maroko kaj Indonezio. Kaj, malgraŭ la "eraraj" politikoj kaj la subnormaj institucioj, ĝi estis unu el la landoj kun pli rapida kreskado — kaj rapidege iĝanta unu el la plej riĉaj — en la mondo.

Ĉefe koncerne al la komerca politiko, multaj plej elstaraj ekonomiistoj, inter ili Adam Smith, insistadis ĉe la usonanoj, de antaŭ pli ol unu jarcento, ke ili devas ne protekti siajn industriojn. Precize tion la ortodoksuloj de la disvolviĝo diras hodiaŭ al la disvolviĝantaj landoj.

Sed la usonanoj sciis precize kiu estas la ludo. Multaj el ili klare sciis, ke Britio, kiu predikis por libereco por sia lando, riĉiĝis surbaze de protektoj kaj subvencioj. Ulysses Grant, civilmilita heroo kaj usona prezidanto de 1868 ĝis 1876, rimarkigis: «Post 200 jaroj, kiam Usono estos nuliginta ĉiajn protektojn super ĉio, kion ĝi kapablas oferti, ankaŭ ĝi adoptos la liberan komercon». Kiel ĝusta antaŭvido — escepte de pri tio, ke lia lando faris multe pli bone ol antaŭvide.

La historia fakto estas, ke la riĉaj landoj ne disvolviĝis apogate sur politikoj kaj institucioj, kiujn ili rekomendas al la disvolviĝantaj landoj. Kiam iliaopinie necese, ili ĉiuj uzis doganajn protektojn kaj subvenciojn por disvolvi siajn industriojn. Dum la unuaj ŝtupoj de disvolviĝo, ili eĉ ne havis «bazajn» instituciojn, kiel centran bankon, profesian publikan servon... demokration.

Estis esceptoj, kiel Svislando kaj Malaltaj Landoj, kiuj ĉiam tenis libera la komercon. Sed eĉ ne tiuj landoj agis kiel rekomendate de la nuntempa ortodokseco de disvolviĝo. Ili absolute ne protektis patentojn kaj, tiel, libere ŝteleksplutis eksterlandajn teknologiojn.

Riĉiĝinte, tiuj landoj komencis postuli, pere de kolonialismo kaj nejustaj traktatoj, ke la pli malriĉaj uzu la liberan komercon kaj enkonduku «avangardajn» instituciojn. Friederich List, la plej grava germana ekonomiisto de la mezo de la 19a jarcento, argumentis, ke tiumaniere la disvolviĝintaj landoj «volis ŝoti la eskalon» per kiu ili supreniris al la supro kaj tiel rifuzi al la





malriĉaj landoj la ŝancon disvolviĝi. Post la dua mondmilito, dank'al la postkolonia kulpo kaj la malvarmmilita politiko, estis permesate al la disvolviĝantaj landoj signifa politika aŭtonomio. Dum pluraj jardekoj «ŝoti la eskalon» estis subtaksate.

Tamen tion oni reprenis, kun renovigita vigleco, en la lastaj jardekoj, dum kiuj la disvolviĝintaj landoj forte premadis la disvolviĝantajn por ke ili adoptu la liberan komercon, senreguligu siajn ekonomiojn, malfermu sian kapitalmerkaton kaj instalu la «plej bonan institucian praktikon", kiel fortikajn pripatentajn leĝojn.

Dum tiu tempo okazis iu forta malakceliĝo en la ekonomia kreskado de la disvolviĝantaj landoj. La mezuma jara kreskoprocento de la averaĝa rento falis al duono, de 3% dum la periodo de 1960 ĝis 1980, al 1,5% de 1980 ĝis 2000. Dum tiu lasta periodo la kreskado en Latinameriko elvaporiĝis, kaj ŝrumpis en la afrikaj ekonomioj kaj la plejparto el la ekskomunismaj. Ankaŭ en la disvolviĝintaj landoj la kreskado malakceliĝis, sed malpli intense – de 3,2% al 2,2% – tiel estigante pliiĝantan rentodiferencon inter la riĉaj kaj malriĉaj landoj.

Kiel ni traktos tiun fiaskon? Unue ni devas deradike ŝanĝi la kondiĉojn aneksatajn al duaŭ mult-fonta financa asistado al la disvolviĝantaj landoj. Oni devas akcepti, ke la ortodoksa preskribo ne funkcias kaj ne povas ekzisti tiaj «plej bonaj praktikoj», kiujn ĉiuj devas adopti. Due la normoj de Komerca Monda Organizaĵo devas esti reverkitaj, tiel ke la disvolviĝantaj landoj povu aktive uzi doganimpostojn kaj subvenciojn por sia industria disvolviĝo. Trie oni devas stimuli la plibonigon de la institucioj, sed tio ne devas implici la altrudon de iu difinita bloko de institucioj (en la praktiko anglusonaj) al ĉiuj landoj — oni devas eĉ ne provi tion, ĉar la institucia disvolviĝo estas longa kaj multkosta procezo.

> “La historia fakto estas, ke la riĉaj landoj ne disvolviĝis apogate sur politikoj kaj institucioj, kiujn ili rekomendas al la disvolviĝantaj landoj.”

Se oni permesas al ili politikojn kaj instituciojn pli adekvatajn al iliaj kondiĉoj, la disvolviĝantaj landoj atingos pli rapidan disvolviĝon. Tio estos bona, post pli longa tempo, ankaŭ por la disvolviĝintaj landoj, tial ke pliiĝos ilia komercado kaj investoportunaĵoj. La fakto ke la disvolviĝintaj landoj ne kapablas vidi tion estas niatempa tragedio.

Ha-Joon Chang
Profesoro de la Ekonomia Fakultato de la Kambriĝa Universitato.
Publikigita en «Estado de São Paulo» de 30-06-2002.

Elportugaligita de José Dias Pinto

---

*“El ĉiuj homoj la plej prudenta estas mia tajloro. Li ĉiam prenas novajn mezurojn de mi, kiam mi iras al li. Koncerne la aliajn, ili taksas min nur unu fojon kaj plue juĝas min laŭ tiu taksado, sen konsidero ĉu mi ŝanĝiĝis aŭ ne dum la paso de la jaroj.”*

*— Bernad Shaw, brita verkisto*

# Pensu globe, agu regione

Delegita Reto de UEA estas unu el la plej konkretaj ekzemploj de aplikado de Esperanto kiel internacia komunikilo. Ĝi konsistas el pli ol 2000 delegitoj el ĉiuj mondopartoj, kiuj interŝanĝas inter si profesiajn spertojn kaj plenumas informpetojn pri la plej diversaj temoj de homaj agadoj. La delegita adresaro aperas en libreto nomata Jarlibro, ĉiujare publikigata de UEA, kiu ĝin dissendas al siaj membroj disaj tra la mondo.

Kiel simpla esperantisto, mi ĉiam scivolis pri tiu diversnacia faka anaro. Kiaj homoj ili estas? Kiujn kontribuaĵojn ili postlasi(o)s por nia movado? Eble iam ni povos havi ĝeneralan superrigardon de tiu trezorejo.

Fariĝi delegito oni povas sub du kondiĉoj, nome esti membro de UEA kaj montri adekvatan regon de Esperanto. Por promociiĝo al fakdelegito oni bezonas aldoni profesian aŭ akademian ligon kun la koncerna fako. Neplenaĝuloj rajtas fakposteni kiel Junulara Delegito. Kaj jen, malantaŭ tiuj sindediĉaj homoj elstariĝas la gravaj figuroj de la Ĉef-delegitoj, kiuj prizorgas la bonan funkciadon de la reto en siaj respektivaj landoj, kelkokaze akompane de kunfakuloj, nome regionaj delegitoj.

Cele al pli forta delegitreta interligo nialande, la Ĉef-Delegito de UEA en Brazilo, s-ino Symilde Schenk Ledon, jam de sep jaroj redaktas kaj eldonas sesmonatan informilon Regione, kies legado de ĝia plej lasta eldono, jaro 7 n-ro 10/2002, impresas nin pro la amplekso de nia enlanda delegitaro. Ĝi konsistas entute el 5 regionaj delegitoj, 88 delegitoj, 12 junularaj delegitoj, 36 vicdelegitoj kaj 216 fakdelegitoj, dividitaj laŭ 131 fakoj.

Antaŭparole al tiu deka eldono la redaktorino pririgardas la situacion jene: "La riĉeco de tiu ampleksa sistemo DR (kiel tiom da aliaj en nia movado), atestas la pravigon de ĝia estiĝo. Nia Esperantejo (ujo?!) estas vere konkreta estaĵo, realisme plurforma, respegule al la ĝenerala homara sinteno inter si, ekster si. Sen strikta organizadebleco, kun volontule personeca, aŭ/kaj grupeca agado; plurforma, elstara aŭ ne, tamen profunde tipa de la nuntempa realo."

Demandite pri la ĉefaj atingos de brazila DR dum tiuj lastaj 10 jaroj, Symilde diras, ke la atingoj estas tre verŝajne ne longa listo de konkretaj rezultoj, tamen ke oni ne povas ne fieri pri ĝia nehaltigebla kunlaborado movada en nia lando, kiel persista kaj dediĉa ekzemplo de reala aktivado.

Nu, la reto jam delonge ekzistas. Ĉar ĝi ja kontentige funkcias, oni nepre uzu ĝin kiel atuton por impone diskonigi Esperanton!

---

*"La popolo kiu ne zorgas pri sia lingvo estas facile submetita al influo de aliaj popoloj, kies interesoj estas kontraŭaj al tiuj de la influata popolo."*

*— Carlos Francisco Torchia, brazila universitata profesoro*

# Kion ni devas fari kaj ne faras

Kion ni devas fari kaj ne faras? — demandis iu. Bone, mi ne scias pri kiu afero estis la demando: ĉu pri la partopreno en la Esperanta Movado, ĉu pri la konduto en la vivo, la vivmaniero. Mi klopodos diri ion pri ambaŭ.

Laŭ mia penso ni, geesperantistoj, devas unuiĝi pli, organizi pli ofte kunvenojn de malgrandaj grupoj de nia urbo por altiri eblajn samideanojn, precipe gejunulojn, kiuj daŭrigos la disvastigon de Esperanto; ankaŭ disponi pri loko kiu faciligos la komunikadon kaj kunvivadon, sekve profitajn aktivecojn.

Ni ankaŭ ne devas forgesi la ĉefan rolon de la internacia lingvo, kiu estas unuigi la homojn kaj flankenlasi niajn malsamecojn.

Koncerne al la vivmaniero, mi opinias laŭ miaj observoj, ke ĉiuj homoj volas esti feliĉaj, eterne feliĉaj, sed metas tian kondiĉon en la estontan tempon: kiam alvenos la ferioj, kiam ili emeritiĝos, kiam okupos gravan postenon, kiam trovos la idealan paron, kaj tiel plu.

La vivo pasas kaj la kontenteco tiom atendita, se okazas, estas malpli kompleta ol oni revis.

Do, estas pli bone serĉi la ĝuon de bonaj estantaj momentoj same kiel amikemaj paroladoj, agrabla muziko, kunvivado kun estimataj personoj, interesa legaĵo, bongusta manĝaĵo, kaj cent aliaj aferoj.

Por akiri tian sintenon oni bezonas esti atentaj, vivi plene, ne malŝparante la malgrandajn plezurojn de la tago, por ne diri poste "ni estis feliĉaj kaj ne sciis".



Yeda Patrizi

# Konkurso kaj kooperativismo

La adeptoj de sporto diras ke pli grave estas konkursi. Sed la konkurso krom esti egoismo-rivela situacio, ĝi sekvigas akcepti la ekziston de kontraŭulo, t.e. de iu kiu havas la saman celon: superregi la alian, intencante montri sin pli kapabla aŭ pli inteligenta. Ĝis nun la mondo tiele agas. Sed tio ne povas esti akceptita kiel civilizacio, ĉar se tiel estus, ankaŭ civilizitaj estus la antropofagoj. Jes, ankaŭ ĉi tiuj, ĉar inter ilia sinteno kaj tiu de la konkursantoj estas ia afineco.

La unika diferenco estas ke ni ne mortigas niajn konkursantojn, sed ni estas kontentaj, kiam ili estas venkitaj en ia cirkonstanco. Ni ne havas malamon al ili, kelkfoje eĉ amikecon ni havas al ili, sed tiu ĝenerale ne estas sincera. La konkursoj ekzistantaj nuntempe en ĉiuj sociaj tavoloj ne pruvas ke ni estas civilizitaj. Male, tiu tuta perforto nuntempe ĉeestita de ni eble havas iun ligitecon al envio kaj konkurso.

Kio mankas en nia socio estas ia sento de kooperado. Anstataŭ oni fari iun entreprenon, oni devus asociiĝi al aliaj personoj, klopodante por ke la realigo ne estu ekskluzivema. Kooperativismo povus forpeli eĉ la povajn grupojn aŭ malpliigi ilian povon, kontribuante por ke fariĝu pli akireblaj ĉiuj utilaĵoj. Kaj tiel estus malpli da sendungeco, ĉar la ĉefa celo ne plu estus havi pli aŭ povi pli.

José Róiz

# Ĉu vi bone aŭskultas?

Ne malofte okazas ke oni legas tutan libron en Esperanto sen konsulto al vortaro, sed stumblas ĉe ĉiuj versoj de simpla kanzono esperanta, se temas pri aŭdado. Unue pro manko de aŭdado, due pro la multkosteco de importitaj E-varoj. Se vi tamen kutimas kunkanti esperantajn kanzonojn, vi ne trovos malfacilojn kunligi la subajn kantistojn al liaj furoraĵoj:

| | |
|---|---|
| a. Samarkando | 1. Merlin |
| b. Tempo | 2. Kajto |
| c. Senkohero | 3. Ĵomart kaj Nataŝa |
| ĉ. Jen | 4. Persone |
| d. En la akvo de la klara fonto | 5. Flavio Fonseca |
| e. Ansero- vanelo | 6. La Porkoj |
| f. Mia bon', mia malbon' | 7. Jacques Yvart |
| g. Babelturo | 8. Tarcísio Lima |
| ĝ. En ĉi tiu momento | 9. Luanda cozetti |
| h. Povus esti simple | 10. Kredo |



*Kontribuaĵo de Amauri Batista*

Respondoj:

a-3 Samarkando (Samarkando) — Ĵomart kaj Nataŝa, Kazaĥio; b-10 Tempo (Vinilkosmos – vol. 2) — Kredo, Rusio; c-8 Senkohero (verdastelaj brazilaĵoj) — Tarcísio Lima, Brazilo; ĉ-6 Jen (Ŝako) — La Porkoj, Argentino; d-7 En la akvo de la klara fonto (Jacques Yvart kantas Georges Brassens) — Jacques Yvart, Francio; e-2 Ansero-vanelo (vinilkosmos vol. 1) — Kajto, Nederlando; f-9 Mia bon', mia malbon' (vinilkosmos vol. 2) — Luanda cozetti, Brazilo; g-5 Babelturo (Vinilkosmos - vol. 1) Flavio Fonseca, Brazilo; ĝ-1 En ĉi tiu momento (Por la mondo) — Merlin, Brazilo; h-4 Povus esti simple (Povus esti simple) — Persone, Svedio.

**Korespondi deziras**

Emerito, kolektanto de PM-oj, deziras korespondi pri ĉiuj temoj kun brazilaj gekorespondantoj.

František Struminský, Břežany 63, 25744 Netuřice, Česka Republika

*** Kulturkunveno**
*** Viva Gazeto**
*** Konversacia Rondo**

Ĉiun lastan sabaton de la monato ekde la 4a posttagmeze en la sidejo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

MATUZO










Tenorjo

# *Imagludo*

Fatalaj naskiĝoj, kvazŭ akto kie neeviteble
nukleo estas fiksita surscene. Ne ekzistas antaŭpretigo.

La formoj estas liverataj al subteno de ordo jam ekzistanta, en antaŭskizoj, sed abrupte tuŝitaj per la trarompo de centra figuro.

Nenio plia ol apartenaĵo de vera poezio: la motivo estas rigore organizita per absurdaj postsekvoj.

La severeco de prezento trairas, ĝis sensenco,
la limon de imagludo kaj ĝin enmetas en la vivon, en la veron.
La surrealisma impreso aperas de la agitado kaŝita, kiu invadas tiujn animajn pejzaĝojn.

Radikoj estas metitaj, strangaj figuroj kaj la konfuza diagramo, miksita de sonĝoj, ordiĝas rekonstrue.

Absurda sistemigo, kie la naskiĝo de ĉiu imago montriĝas kiel peco de tutaĵo, tiel kunmetita kun roluloj fermitaj en la movo de ĝia nedifino, por ĉiame.

Giuseppe Baccaro

*"La rezulto de la figuro ne estas la spuro de la gesto.*
*Necesas ke gesto figurigu imagon."*

*"Longa procedo kie la kreiva*
*imago vivas por adaptiĝi al la materio*
*por fine produkti verkon."*

*"La analiza metodo en arto estas*
*baze la planado, aldone al surfaco.*
*Kunmetante unu surfacon al*
*la alia, la rezulto estas*
*ununura surfaco."*



Symilde Schenk Ledon

